**PENSEO**

N-ro 208

feb. / 2009

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 20-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Vejdo

# Printempa Festo 2009

**—laŭ ĉinesko Qinyuanchun***

ĉiujare
tradicia
printempa fest'
kiel kutime
ĝoja etos'
franda regal'
kolora vest'
rekuniĝo
familia
kun anoj en varma nest'
prodigo
de granda sumo
el la ŝparkest'

sed nun embuskas pest'
financa
pelas per molest'
mondan popolon
al mizera
mon-dilema
cunam-tempest'
sed ne timu
antaŭ monstra
la ekonomia best'
rebatu
per sinergi' por
*homa majest'*

** Qinyuanchun (Printempo en la Ĝardeno Qin): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 13 versoj de 444,5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimaranĝo xxa,xxxa,xxa,xxa / a,xa,xxxa,xxa,xxa (x = senrima)*

# Hejmen

**—laŭ ĉinesko Wanghaichao***

ĉe printemp-fest'
tradicia
pretas por hejm-vetur'
laboristoj
en fremdlokoj
post lukra aventur'
kun magra figur'
ili survojas
per trajna kur'
kun bagaĝo
kun rekuniĝa plezur'

siblas varma murmur'
ŝvele en vagon'
pri gajnoj sur
laborposten'
kaj pri pena
irita piedspur'
ha, hejmsopir' nur
vekas ĉe ili
eĥon de pur'
la anima
spite al enkor-tortur'

**Wanghaichao (Rigardo al Martajdo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj de 446, 446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa, xxa, a, xa,xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x = senrima)*



## Mandio

# Sento de Korinklino

**—laŭ ĉinesko Busuanzi***

ŝia rigard' min
faras ravita
ŝia rida mieno
al ĝoj' invita

proksimiĝ' al ŝi
kun sent' hezita
min hantas iluzie
en mens' medita



**Busuanzi (Aŭguristo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvar versoj de 55,75 silaboj kun duona rimo.*

## Sam

# Umefloro en Vazo

**—laŭ ĉinesko Yijianmei***

frondo kun umefloro
en la vaz' de
ruĝkoloro
oblikve sin apogas
deprimite
en angoro

disde l' neĝa rigoro
ĝi perdiĝas
en malgloro
en varma vaz' tuj velkos
ĝi povrinda
en doloro



**Yijianmei (Branĉo da Umefloro): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 6 versoj de 7,44,744 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*

# Juna Kiel Vi

**Okaze de mia 60-a naskiĝtago**

**—laŭ ĉinesko Shaonianyou***

Kiel vi kun verdkolor'
mi junas en kor'.
Mi dancadas
ĝoje kantas
kun granda fervor'.

Kiel vi kun vigla vol'
mi en ĉiu hor'
pene strebas
kaj klopodas
sen ajna langvor'.

**Shaonianyou (Vojaĝo en Juneco): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 5 versoj de 7,5,445 /75,445 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xxa / xa,xxa (x= senrima)*



## Yanke

### Vintro

**—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo***

I.

jam ploras
arboj en vento
tutnudaj ili skuas
korpon pri malkontento
kun tristlamento

II.

sunlumo
suplas pro laco
ĝi volas ripozeti
kuŝas rande de placo
por iom paco

III.

hompaŝoj
haste tra tero
malseka revenas al
varma brila karcero
sen frid-severo

IV.

birdetoj
silentas treme
kaŭrante sur tegmento
kelkaj sin puŝas preme
pepadas ĝeme

**Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarANĝo xa,xa,a (x=senrima).*

### Neĝo

**—laŭ ĉinesko Changxiangsi***

neĝa flor'
kreskas por
blanka panorama glor'
per pena labor'

sen odor'
kun fervor'
kovras ĉion per memor'
de senta valor'



**Changxiangshi (Longa Sopiro): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvar versoj de 3, 3, 7, 5 silaboj kun kontinua rimo.*

## Eto

### Amo de Neĝmonto

**—laŭ ĉinesko Chaozhongcuo***

la neĝmonta sopiro
al amdeziro
kun blua ĉielo
sin montras per miro

pura sento
blanka sino
freŝa spiro
sin donas sincere

por amo-akiro

*Chaozhongcuo (Pedanta Klerulo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respktive de 7,5,66 / 444,66 silaboj, laŭ rimarango a,a,xa / xxa,xa (x=senrima).*

## Lily

# Amoro en Vintro

**—laŭ ĉinesko Guizhixiang***

ŝi en bikin'
en lito varma
brakumas min
korpglue intime
kun aminklin'
malgraŭ frido kaj glaci'
kunflirtas
ni kun obstin'
kaj karesas
kaj ŝmaclekas
jen en fascin'

eksukas ŝia vagin'
varme kaj glue
kvaz' vazelin'
mi glitigas mian
kacon en ŝin
violente skuadas
piŝtadas
mia kacpin'
jam ni sonĝe
ĝuas ĝoje
ja ĝis kulmin'

**Guizhixiang (Aroma laŭrbranĉo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj de 4, 54, 64,734,444 / 7,54,64,734,444 silaboj, laŭ rimarango a,xa, xa, xxa,xxa / a,xa,xa,xxa,xxa (x=senrima)*

# Olivarbo en Sonĝo

**—laŭ ĉinesko Fengrusong***

vagabonde kun tristkor'
mi vagadas por
fluganta bird' en ĉiel'
lazura
por bunta flor'
kreskanta en montval'
sen velkiĝ' nek langvor'

por roj' kun tinta sonor'
mi vagadas for
por serĉi olivarbon
en mia dolĉa sonĝhor'
longe neviŝebla
el de mia memor'

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St.,
Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_